XIVa jaro. No 197 (1) ⭐ Monata ⭐ 5 januaro 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XVII

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1a Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2a Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo. Plenuma povo. Internacia polico. — Ekzameno de la ĉefaj kritikoj kontraŭ la federacio. — La metodoj: Neceseco de popola propagando kaj reedukado de la publika opinio. Mankoj de la ĝisnuna paca movado.

Oni facile komprenos, ke la propagando por la starigo de paca ordo internacia havas sencon, nur se ĝi samtempe okazas en ĉiuj civilizitaj landoj. En tiu rilato oni ne povas riproĉi la antaŭmilitajn pacifistojn. Malgraŭ la asertoj de la malbone informitaj aŭ suprajaj kritikantoj, la paca movado varbis adeptojn en ĉiuj landoj. Ĝi neniam proponis unu-nacian senarmigon. Sed ne sufiĉas, ke la pacaj ideoj estas konataj ĉie; ankaŭ necese estas, ke ilia progresado estu paralela en ĉiuj landoj. Tute ne malgrava estas la fakto, ke en la lando A. estas 10,000 organizitaj pacifistoj dum en la lando B. estas nur 1000 (oni supozas A. kaj B. proksimume egale gravaj), ĉar tiuokaze la kontraŭuloj de la paca movado en la lando A. rajtus peti la pacamikojn, ke ili bonvolu unue konverti la najbarlandon. Estus do necese, ke en sia agado la pacifistoj diversnaciaj estu en konstantaj rilatoj unuj kun la aliaj kaj konformigu la propagandon en sia propra lando laŭ tio, kio ĝi estas en la ceteraj landoj. Sendube oni ne povas fiksi precizan mezuron, sed tio ne malhelpas, ke oni ĉiam atentu pri la principo. La pacifismo rilatas al la ideoj, kiel la limigo de la armadoj rilatas al militista demando: neniu volas komenci, se ĝi ne havas la certecon, ke la najbaro estas preta agi samtempe kaj samgrade.

Por ke la paca agado povu esti paralela kaj samtempa en ĉiuj civilizitaj landoj, oni antaŭ ĉio celu al tio, ke la paca organizo estu tute internacia, aŭ pli ĝuste supernacia, ne sole laŭ sia celo, sed ankaŭ laŭ sia strukturo kaj laŭ siaj metodoj. Ĝi devas esti sama en ĉiuj landoj por ke oni povu facile taksi la gravecon de la pacaj progresoj en ĉiu nacio, kaj ĝi devas esti internacie direktata, tiel ke nenia nacia partikularismo havu la eblecon endanĝerigi la unuecon de metodoj. Ne devas ekzisti pri doktrino aŭ pri metodoj diferencoj inter la franca pacifismo, la germana pacifismo

aŭ la angla pacifismo. La institucioj kiel eble plej evitigu la malkompreniĝojn kaj dividojn, kiuj rezultas el la diverseco de la naciaj temperamentoj. Ili devas plej ofte interrilatigi la diversnaciajn sampartianojn, tiamaniere, ke kreiĝu ekvilibro inter la naciaj mens- kaj agadmanieroj, kaj formiĝu vere internacia „spirito". Tiun evolucion oni povas ebligi, starigante organizon, kiu ĝis la maksimumo pliigos la internaciajn rilatojn kaj ĝis la minimumo malpliigos la naciajn rilatojn. La ĝisnuna paca movado ne sciis organizi tiun nepre necesan unuecon en la agado. En sia organizo, ĝi ĉiam lasas la ĉefan rolon al la naciaj asocioj, kies natura tendenco estas konsideri ĉiujn okazantaĵojn laŭ la kriterio de la nacia intereso. Tion oni klare konstatas nuntempe: la pacifismo ne povis konservi sian unuecon dum la milito kaj pro gravaj internaj dividoj, ĝi estas nekapabla havi decidigan influon je la dummilitaj okazantaĵoj.

* * *

Vana estus la kritikado de ĉio ĝis nun farita, se ni ne kredus je la ebleco de plena reformo de la paca movado. La kritikoj nur celas plibonigi tion, kion la plenumitaj spertoj montras kondamninda.

El la rimarkoj antaŭe faritaj, rezultas, ke plej urĝa necesaĵo estas la aranĝo de vasta populara agado celonta la reedukadon de la publika opinio en ĉiuj landoj kaj grandampleksan agitadon por la starigo de ŝtatligo (federacio). Por tiu celo ŝajnas unue dezirinde formi tutmondan ligon de ĉiuj pacamikoj, laŭ la principoj ĉi-tie formulitaj. Tiu ligo konsistus el ĉiuj homoj favoraj al la ideo pri kreo de ŝtatligo kaj pretaj al ĝi fidele servadi. Aliĝante, ĉiu persono promesu je sia honoro disvastigi la federacian idealon, konduti amike kun ĉiuj samliganoj, sen diferenco pri ilia nacieco, kaj subigi la intereson de sia patrujo al la intereso de la ligo, kiu reprezentas ĉiujn patrujojn kune. Membroj loĝantaj en sama loko grupiĝus en lokan unuiĝon kaj elektus reprezentanton, kiu estus en konstantaj rilatoj kun la liga centro, kaj kun la necesaj helpantoj gvidus la lokan administradon kaj propagandon. Eventuale pli gravaj regionaj grupoj, ampleksontaj provincojn aŭ landpartojn, povus esti ankaŭ kreataj. La ligon mem gvidus konsilantaro konsistanta el diverslandaj pioniroj, laŭ fiksota proporcio, kaj, por la ĉiutaga administra aŭ propaganda laboro, estraro kun centra oficejo. Al la internacia konsilantaro apartenus la tasko gvidi la propagandon, decidi pri la sintenado de la ligo rilate al la politikaj okazantaĵoj, organizi la entreprenojn de edukado kaj propagando, pri kiuj ni poste parolos. La enspezojn liverus parte individuaj kotizaĵoj, parte donacoj; necese estus starigi sufiĉe altan kapitalfondaĵon, tiel ke vastampleksa agado estu ebla. En la antaŭmilitaj jaroj, la mono ne mankis al la paca movado, sed oni ne sciis ĝin taŭge utiligi por propagandaj celoj.[1]

La agado de la proponata ligo povas esti konsiderata laŭ du vidpunktoj: unuflanke, ĝi penu disvastigi tra la mondo la ideon pri federacio kaj influi la registarojn pere de la publika opinio — propaganda laboro; aliparte, ĝi devus plifortigi la konvinkon de la personoj de ĝi varbitaj, instruadi ilin, kaj veki en ili internacieman pensmanieron — edukada laboro.

La propagandaj rimedoj estas konataj: eldonado de propagandiloj kaj instruaj verkoj adaptitaj al la mentaleco de la diversspecaj publikoj, aranĝo de paroladoj, publikaj kunvenoj kaj manifestadoj. Ni insistas, ke la propagando havu ĉefe popularan karakteron. Oni do sin turnu ne sole al la kleraj rondoj de profesoroj aŭ politikaj eminentuloj, kiel agis ĝis nun la pacifistoj, sed al ĉiuj aktivaj elementoj de la socio, precipe al la junularo, kies mentaleco estas ankoraŭ ŝanĝebla. La pioniroj de la federacia ideo penos ĉiumaniere, naski malamon kaj ribelon kontraŭ la nuna anarkia reĝimo, al kiu estas ligata la ekzisto de la milito. Ili penos direktigi kontraŭ la ĉefa kulpulo, nome la *sistemo* la kritikojn kaj atakojn, kiuj nun celas la registarojn aŭ la popolojn. Ili kontraŭbatalos la antaŭjuĝojn pri la fataleco de la milito kaj montros ĝian eviteblecon per starigo de interŝtata organizo.

Agado ĉe la registaraj rondoj restos fruktodona, nur kiam la paca movado jam estos forte organizita kaj la publika opinio sufiĉe edukita, por ke la pripacaj iniciatoj veku ĝeneralan intereson kaj ricevu la apogon de la popoloj. Tiam, oni povos krei parlamentajn grupojn, interparlamentajn konferencojn, klopodi ĉe la registaroj por kunvoko de interŝtata konferenco, k. t. p. Tiu agado estos la rezultato de la populara propagando; sen ĝi nenian pozitivan rezultaton ĝi donos.

El ĉiuj kreotaj propagandiloj la plej utila estus ĉiutaga ĵurnalo, redaktata en la ĉefaj naciaj lingvoj laŭ samaj metodoj kaj internacie direktata. La militdefendantoj posedas preskaŭ la tutan gazetaron: la paca movado, male, havas nur negravajn revuojn legatajn de malmultenombra publiko jam konvinkita. Ĝi povos ludi rolon en la mondo kaj havi influon je la publiko, nur kiam en ĉiu grava lando ĝi posedos propran ĉiutagan ĵurnalon, kiu senpartie informos pri la mondokazantaĵoj kaj, tagon post tago, substrekos la argumentojn por la federacio, rebatos la erarojn de la ŝovinista ĵurnalaro kaj donos al sia legantaro fidelan bildon pri la internacia vivo. Estas ridinde, ke politikaj partietoj, sen iu ĝenerala graveco, havas siajn proprajn ĵurnalojn, dum la paca movado, kiu okupiĝas pri la plej ĉefgrava demando de nia tempo restas sen organo. La milito denove montris la pereigan influon de la ŝovinista gazetaro. Oni ne plu povas nei la necesegecon de pacemaj ĉiutagaj ĵurnaloj.

*(Fino en la proksima N-ro.)* *H. Hodler.*

[1] Ekzemple, la Carnegie-Fondaĵo por la paco havas kapitalon de 50 milionoj da frankoj je 5 %, t. e. 2,500,000 frankoj jare. (Tiu fondaĵo decidis nenion monhelpi dum la milito.)



# Al niaj abonantoj

*Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.*

*La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj, kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj (svisa valoro) per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2. 50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj kaj ne havas la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*



 SOCIA VIVO 

## Leibnitz

Je la 14 novembro 1916 Germanujo prifestis la duan centjaran datrevenon de la morto de Leibnitz. Sed ankaŭ tuta Eŭropo devus rememorfesti pri li kiel pri la homo, kiu plej bone sciis kunigi en si mem kaj koncentri en la arda fokuso de sia genio ĉiujn potencojn, kiujn ĝi enhavas, ĉiujn ĝiajn aspirojn, la forton de ĝia idealo.

Leibnitz estis efektive, en la plena senco de tiu vorto, Eŭropano. Laŭ la naskiĝo li estis germano, sed Francujo fruktigis lian genion. En Parizo li fariĝis unuaranga matematikisto kaj eltrovis la diferencialan kalkuladon; tie ankaŭ, venis al li la kreantaj ideoj de lia filozofia doktrino. Dum sia tuta vivo li konservis kontakton kun Francujo, kaj en franca lingvo skribis siajn pli multajn verkojn. Cetere, li interesiĝis je tuta Eŭropo. Reveninte en sia patrolando, post vojaĝado tra Anglujo kaj Nederlando, li enloĝiĝas en Hannover, kie li laboras kiel bibliotekisto. Sed li konstante vojaĝas, ne sole en Germanujo, sed tra la najbaraj landoj. Kun la tiamaj eminentuloj li havas vastan korespondadon: la nombro de liaj konataj korespondantoj superas milon. Lia mirinda agemo ampleksas ĉiujn regionojn de Eŭropo kaj penetras ĝis aliaj kontinentoj. Sendube, neniu homo pli ol li estis mondcivitano, neniu pli bone ol li komprenis la harmonion, kiu devas ekzisti inter la diversaj terpartoj, kaj pli forte celis al ĝia konservado.

Harmonio estas ja la ĉefideo de lia penso. La filozofio de Leibnitz estas la plej potenca penado, iam farita post Aristoteles, por kapti la esencon de la aĵoj. Leibnitz staras kontraŭ la tezo de Descartes, kiu konsideris la naturon kiel la teatron de grandega mekanismo kaj en ĝi trovis nenion alian ol la substancon. Leibnitz deklaras, ke la spaco ne estas la substanco de la aĵoj, ĉar en la korpoj ekzistas forto, kiu ne estas nura spaco. Ĉar la spaco estas senfine dividebla, ĝi ne havas tiun unuecon, sen kiu ne ekzistas realaĵo.

La esenco de la aĵoj estas nedivideblaj elementoj, sed tiuj elementoj ne estas materiaj. La veraj substancoj estas la *monadoj*, nemateriaj punktoj, kies tuta estaĵo estas agado. Tiu agado konsistas esence en perceptado de l' Universo; jen ĝi estas obtuza kaj kvazaŭ endormiĝinta, jen ĝi estas disvolvita, kiel ĉe la homo, kaj ebligas la konadon de la eternaj veroj. Sed, kiaj ajn estas la diferencoj inter ili, ĉiu monado reprezentas la tutan Universon.

La leĝo de la monadoj estas la harmonio. Certe, ĉiu monado havas sian propran karakteron. Kiel ne ekzistas du identaj arbofolioj, tiel same ĉiu monado distingiĝas je la aliaj, kaj posedas propran valoron, kiun nenio povas anstataŭi. Tio estas bona. La estaĵo ne povas konsisti el la unutona ripetado de sama eco: tio estus malriĉeco; kontraŭe, la estaĵo estas mirinda riĉeco kaj esprimas senfinan diversecon. Ni trovas en la naturo la plej grandan diversecon, sed kun la plej granda ordo. La diverseco estas bona kaj povas ekzisti nur se ĝi akordiĝas kun la ordo. La monadoj, ĉiam malsamaj unu rilate al la alia, kune formas harmonion, kiu esprimas la Perfektecon. En la profundaĵoj, la fina kaŭzo celas al la akordiĝo de la estaĵo. La ekzisto de la monadoj rezultas el tiu nerezistebla tendenco. En Dio, agitiĝas la senfina multeco de la eblaĵoj, kiuj aspiras al ekzisto, sed el tiuj eblaĵoj, realiĝas nur tiuj, kiuj povas akordiĝi unu kun la alia. Dio ekzistigas nur la eblaĵojn kapablajn formi Tuton, kies partoj sin reciproke kompletigas. La Universo ekzistas nur per la ordo. La realeco de iu ajn estaĵo devenas el lia akordiĝo kun aliaj estaĵoj. Izola parto neniiĝus. Ekzisti estas akordiĝi.

La homo havas la privilegion, ke li povas konscii kaj ĝui pri tiu harmonio. El sia vivo, li povas, per la scienco kaj la moralo, fari mondeton, kies ordo imitas la Universan ordon. Por la homo, la bono konsistas el la plej granda agado kunigita je la kono de l' ordo. La ekzistado estas esence agado. Plezuro kaj feliĉo troviĝas en la intensa disvolviĝo de la agado gvidata al la perfekteco. Sed, farante sian devon, la saĝulo fordonas al Dio la zorgon doni al sia agado la rezultatojn konvenajn por la universa ordo. Ni havas la rajton esperi, ke en la estonteco ni havos pli klaran vidadon super tiu perfekta ordo. Kiel la Universo, nedetruebla estas la monado. Tio, kion ni nomas morto, estas nur malvolviĝo, tra kiu la estaĵo pasas al alia agadkampo, kie ĝi denove disvolviĝos. Ni vojiras al stato, ĉe kiu ni ĉiam pli bone povos admiri la harmonion kaj dank' al tiu admirado ĝui kreskantan feliĉon. Antaŭ ni, aperas la superbela perspektivo de senfina ekzistado, kiu konsistos el eternaj progresoj al novaj plezuroj kaj novaj perfektiĝoj.

Al tiu harmonio, kiu laŭ lia penso estis la fundamento de l' Universo, Leibnitz dediĉis sian tutan vivon. Li ne sole realigis en si mem la sintezon de la homa scio, plenumante, kune kun siaj filozofiaj kaj matematikaj studoj, gravajn historiajn laborojn, interesiĝante pri lingvistiko, konatiĝante kun ĉiuj progresoj de la botaniko kaj de la zoologio, fervore studante fizikon, ĥemion, geologion, eĉ okupiĝante pri praktikaj aplikoj kaj gvidante la laboristojn de la minejlaboristoj en la Harca montaro. Li ankaŭ donis al si la taskon realigi en la mondo la perfektiĝon, kiun li estis primeditinta. Per sia tuta forto li laboris je la progresigo de la civilizo. Dank' al lia iniciato estis kreita la Berlina Scienca Akademio. La imperiestro de Aŭstrio alvokis lin por konsiliĝo. Li ekrilatis kun la caro Petro la Granda, kaj proponis al li planon de intelekta kaj morala reorganizo de Rusujo. Li volis unuigi ĉiujn eŭropajn popolojn per federacio. Li precipe deziris, ke la religio helpu al lia celado al harmonio. Tial li unue proponis alproksimiĝon inter la du grandaj formoj de la Kristana religio. Li interrilatis pri tio kun Bossuet, kiu komprenis la akordiĝon nur en la formo de la reiro de l' protestantoj al la katolikismo. Leibnitz opiniis, ke la potenco de la kristana genio devas ampleksi la tutan teron. Li revis pri la formiĝo de universala Eklezio. Pro tio li interalie instigis Ludovikon la dek-kvaran al la almilito de Egiptujo; pro tio li volis sin alligi je Petro la Granda, ĉar li opiniis, ke Rusujo povas kombini en natura ekvilibro la Okcidenton kaj la Orienton; pro tio ankaŭ, li tiel multe esperis je la rezultatoj de la misia agado de la Jesuitoj kaj aparte pri la disvastiĝo de la kristanaj ideoj en Ĥinujo. Lia vasta spirito konis nenian limon; la tutan Universon li volis submeti al tiu idealo de harmonio kaj perfekteco, en kiu li vidis la radikon de la ekzistado.

Leibnitz mortis la 14 novembro 1716. Izola kaj malgaja estis la fino de lia vivo. Li estis entombigita sen pompo, sen pastro, akompanita nur de sia sekretario, „pli kiel rabisto,“ rakontas unu el liaj amikoj, „ol kiel famulo“. Sed tiun senceremonian morton sekvis glora revekiĝo. La verkoj de Leibnitz, el kiuj multaj estis neeldonitaj, estis iom post iom publikigataj, kaj disvastigis lian doktrinon tra la mondo. Je tiu publikigo kunhelpis ĉiulandaj scienculoj. Antaŭ kelkaj jaroj, la Asocio de la eŭropaj Akademioj entreprenis la plenan eldonadon de liaj verkoj.

En la nuna tempo, la filozofio de Leibnitz estas la plej vivanta el ĉiuj grandaj filozofioj. El ĝi inspiriĝas la nova idealismo, kiu triumfis super la pozitivismo. La belaj doktrinoj, kiuj floras en nia epoko, atentigas pri la ĉefeco de la kreanta agado, per kiu la estaĵo celas al la perfekteco.

Nuntempe pli ol iam, konvenas rememori pri la vero, kiun Leibnitz tiel forte proklamis: La estaĵo ne konsistas el la materiaj aĵoj apartigitaj unu de la alia kaj fordonitaj al senanima mekanikismo. La vera realeco estas pli profunda: ĝi estas la agado en sia pura spontaneco, ĝi estas la animo, ĝi estas la libereco.

Laŭ *Prof. Chr. Werner.*
Trad.[1]: *A. R.*

Je tiu okazo, konvenas rememorigi, ke dum sia tuta vivo, jam de la aĝo de dek-ok jaroj, Leibnitz sin okupis pri la kreo de universala lingvo. Multaj tekstoj rilataj al liaj teoriaj studoj pri tiu temo estas ankoraŭ neeldonitaj. Leibnitz revis pri filozofia lingvo, kiu estus ne sole la adekvata esprimo de la penso, sed „instrumento de la racio“. Tiu lingvo devis esti logika algebro aplikata al ĉiuj ideoj kaj al ĉiuj pensobjektoj.

Tamen, por faciligi la transiron de la naturaj lingvoj al la „racia“ lingvo, Leibnitz estis alkondukita akcepti provizoran solvon. Li elektis la latinan lingvon, al kiu li volis apliki sian filozofian gramatikon. Tiu gramatiko devis esti kapabla esprimi ĉiujn diferencigojn kaj nuancojn de la naturaj lingvoj, sed aliparte esti tute regula. Leibnitz opiniis senutila kaj nelogika la plurecon de deklinacioj kaj konjugacioj. Devos esti nur unu deklinacio kaj unu konjugacio tute sen escepto. Plie, la montro de la sekso estas senutila; oni do ĝin forigu. Same senutilaj en la verbo estas la diferencigo laŭ la personoj kaj la nombroj. Eĉ en la substantivo la multenombro estas senutila, ĉar ĝin povas montri la artikolo. Ne ekzistas vera diferenco inter la adverbo kaj la adjektivo: la adverbo estas la adjektivo de l' verbo. Same, ne estas fundamenta diferenco inter la substantivo kaj la adjektivo. Estas en la realeco nur du vortklasoj vere diferencaj: la nomoj kaj la verboj. Leibnitz devenigas la verbojn el la nomoj. Oni devos unue starigi liston de la radikvortoj kaj poste liston de afiksoj kun absolute fiksa senco. Tiamaniere oni povos devenigi multegajn esprimojn.

Rilate al gramatiko kaj vortderivado Leibnitz eltrovis do la ĉefajn principojn, kiuj multe pli malfrue estis aplikitaj en Esperanto. Ni aldonu, ke la ĉefa filozofia verko de Leibnitz, nome la *Monodologio*, estis bonege tradukita en Esperanton de Rektoro Boirac. — *Red.*

---

## Leteroj dum la milito

Certe ĉiu el ni jam sentis, ke la leterskribado fariĝis nun multe pli grava ol en la bona malnova tempo, kiam la homoj ankoraŭ havis pacon. Ankaŭ en tio la milito efikas reakcie, redonas al ni la sentojn de pasintaj jaroj, kiam oni interkorespondadis detalege, konfidis al la plumo sian tutan taglaboron kaj ĉiujn humorojn, kaj fine fermis la gravan, ŝatindan leteron per inda sigelilo. Ŝajnas kvazaŭ la letero reviviĝus dum la granda mortado, kaj tio ne estas miriga, ĉar oni ree havas multon por diri unu al alia; ĉiu tago estas plena je aventuroj kaj danĝero, povas ŝanĝi la propran sorton aŭ tiun de l' ricevonto; eĉ ne estas certe, ke la letero trafos sian adreson. Ĉar unue ĝi povas esti por soldato deĵoranta, kiu ĵus iradas sur danĝera vojo, aŭ kiu ne plu havas tempon por legi la leteron kun ĝiaj multnombraj sciigoj. Aŭ li mem ne kapablas skribi, kvankam li povus rakonti multon interesan kaj kuriozan. Estas okazoj, ha! estas multaj okazoj. Estas ankoraŭ dua cirkonstanco, kiu karakterizas nian leterskribadon, kaj donas al ĝi brileton de pasinta romantikeco: la letercenzuro. Oni scias, ke por leteroj de kaj al la fronto ĝi devas ekzisti, ĉu ĝi plaĉas al ni aŭ ne; pli certe ankoraŭ por leteroj trans la landlimoj, kaj tie ĉi, en Svisujo, ĉiu el ĝiaj vizitantoj povas rakonti multajn strangaĵojn pri tiu ĉi temo. Kompreneble ĉiu plendas, ke li ne ricevis certajn sciigojn, aŭ ke linio speciale interesa estas eltranĉita aŭ malice nigrigita. Ili estas ĉiam la plej gravaj linioj, kaj kelkaj homoj dum horoj laboras per grandigaj vitroj kaj acidoj, kombinadas, silabadas, por diveni la kelkajn al ili forprenitajn vortojn, kiujn la ĥina inko de l' cenzuristo forigis.

La leterskribada laboro fariĝis do hodiaŭ tute nova, kaj kiu en Neŭtralujo iomete interrilatiĝas kun siaj najbaroj aŭdas ĉiuspecajn strangajn kaj amuzajn historiojn. Nome ŝajnas, ke nenio tiom multe plaĉas al la homoj, ol lerte trompi la malican cenzuriston. Kompreneble la cenzuristo ne estas malbonulo; li estas kompatinda, turmentita oficisto, kiu penege kaj ŝvitante plenumas sian malfacilan, verdire neeblan taskon. Tamen ĉiuj leterskribantoj kaj -ricevantoj unuiĝas kontraŭ li; en nia tempo, kiu per sangverŝo forigis ĉion internacian, ekzistas internacia konspiro de la leterskribantoj, kaj ĉiu el ili ridetante rakontas, kiel li sukcesis trompi la profesian kontroliston. Nur tiuj tion ne rakontas, kiuj pli bone ĝin farus, la spionoj. Ĉar kompreneble la teksto de iliaj leteroj estas tute nesuspektinda, eĉ infane senkulpa. Sed troviĝas en iliaj leteroj stranga multego da ciferoj. Sendube, ili estas ciferoj tute senmalicaj — ni havas nun nur 19 gastojn en la hotelo, la bankokonto sumiĝas je 3714, la tapiŝo kostos maksimume 350 — kio en ĉi tio estas frapanta? Tamen tiuj ciferoj povas signifi armekorpusojn, maŝinpafilojn, taglaborojn de municia fabrikejo, kilometronombrojn. Idilie estas priskribata la domo, en kiu loĝas la skribanto, kaj li eble priskribas divizian generalejon, grava averto por malamikaj aviadistoj. Tial la arto de la letercenzuristo ne konsistas tiom en la ekzameno de l' senco de la frazoj, kiu ja povas esti interkonsentita kaj sekreta, sed en la ekzameno de la personoj, kiuj skribis la leteron kaj al kiuj ĝi estas adresita. Tio kompreneble estas tre malfacila, kiam oni sidas en iu landlima oficejo, kaj nek vidas nek konas tiujn personojn. Tamen ekestas ofte kelkaj signoj, per kiuj suspektindaj leterskribantoj sin mem malkaŝas. Ili prefere restu prisilentataj antaŭ la publiko. Estas ankaŭ evidente, ke perfektaj mistifikantoj sukcesas eviti kontrolon; se unu cifera lingvo estas eltrovita, alia ĝin tuj anstataŭas. Kompreneble la vortoj ĉiufoje havas bonan sencon, nepre prirespondeblan. Se oni konsideras tiajn eblecojn kaj la danĝerojn, kiuj rezultas el ili por la vivo de la soldatoj kaj la sukceso de militentreprenoj, oni miras pri la fakto, ke la ŝtatoj entute permesas rektan leteran korespondadon trans la landlimoj. Ili ja prefere ĝin malpermesus; sed estas kunigitaj kun ĝi tiom da bonaj kaj eĉ por la militantoj utilaj komercaj interrilatoj, ke nenia registaro povis decidi antaŭrimedon tiel severan. Tiam helpas la jena praktiko: Oni iom prokrastas la forsendon de la leteroj; ili estas metataj en kvarantenon, kiel aliaj suspektindaj alvenantoj. Tiam la transsenditaj sciigoj ne plu estas novaj; en la daŭro de kelkaj tagoj ŝanĝoj okazis, kaj la listo de komercaĵoj, kiu eble signifis movojn de trupoj, ĝis kiam ĝi alvenos, ne plu respondos al la aliigita milita situacio.

Inter 500,000 militleteroj estas verŝajne nur unu perfida, kaj la aliaj 499,999 povas de sia vidpunkto tute prave koleriĝi pri tio, ke ili devas suferi. Sed ilia vidpunkto ne estas tiu de la ŝtato; ni vivas en renversita Sodomo, kie multaj justuloj estas punataj pro kelkaj maljustuloj.

Jam tio estas dolora por sentemaj koroj, ke fremda okulo rigardas en leterojn, kiuj estas la plej pura esprimo de personeco, intima dialogo de animoj firme kunligitaj,

[1] El „Journal de Genève“.

ke fremdulo kritikas iliajn vortojn, ekzamenas iliajn esprimojn, ke la plej delikataj sekretoj de l' koro, la plej sekretaj privataj cirkonstancoj devas esti malkovritaj. Kompreneble la ŝtato ne postulas sekretaĵojn, kiel ajn delikataj kaj naturaj ili estas. Kelkaj supersentemuloj tute ĉesigas sian korespondadon dum la milito, aŭ almenaŭ kontentiĝas, skribante nur malmultajn malvarmajn vortojn, tial ke ili ne suferas, ke iliaj pasioj, amo, ĵaluzo, sopiro, estu cenzurataj. Tamen la vivo plue daŭras, ankaŭ la milito; nenio helpas, fine ĉiu devas toleri, ke la registaro rigardu en ĉiujn faldojn de lia aŭ ŝia ekzisto. Tro da plendoj kaj ekĝemoj estas malŝatataj de la cenzuristoj en ĉiuj landoj; ĉi tie ilia atento estas iom troa; ni ĉiuj scias, ke ĉie oni plendas kaj ekĝemas. Se tamen malĝoja frazo montriĝas, oni en Neŭtralujo skuas la kapon kaj saĝe diras: „Vidu, kiom multe la cenzuro devas allasi! Tio estas signifoplena!“ Tiel estas aljuĝata al la ŝtato prirespondeco por ĉiuj leteroj — ĉar ĝi ilin legas.

La severa cenzuristo estigas la bonan stiliston. La leterskribanto pripensas la ĝustan multsencan esprimon, la nuancigo de vorto akiras nun sian specialan signifon, kaj oni eltrovas en si la kapablojn, skribi kaj legi inter la linioj. La plej grandan perfektecon en tio akiras la militkaptitoj, kaj multaj spritaĵoj, per kiuj ili konigas al siaj familianoj sian veran situacion, estas ofte kaj plezure rakontataj. Unuj laŭdas la traktadon kaj flegadon, kaj aldonas: Salutu amikon Malo. Aliaj laŭdas la inspektorojn de siaj „camps“, ili estas tiel same ĝentilaj kiel la direktoroj de la granda hotelo de..., kaj nun venas la nomo de iu patruja pundomo. Ĉe tiaj bataloj de la sagaceco kaj de la sprito la cenzuristo estas ĉiam venkita, ĉar la leterskribanto povas trovi milon da privataj rilatoj kaj duonavizoj, kiujn la cenzuristo tute ne kapablas kompreni. Tiamaniere traglitas ofte ankaŭ politikaj aludoj, kiuj precipe plaĉas al la kaptitoj, disigitaj de sia patrujo kaj trompitaj de la malamikaĵoj de malamikaj gazetoj. Oni aludas al la popoloj per fiktivaj nomoj, kaj tuj onklino Maria estas malsana aŭ Fricio estas lasttempe treege ĉagrenita de siaj parencoj. Foje la cenzuristo grandanime allasas tiajn ŝercojn, eĉ diveninte ilin; sed kiam foje en la letero de franca kaptito troviĝis la sciigo, ke la dika Wilhelmina suferas pro ftizo, kaj ke ŝi baldaŭ mortos, li skribis sur la marĝenon: Gaston troigas; mi povas vin trankviligi, Wilhelmina tute bone fartas... Ne ĉiam estas la cenzuristoj tiom bonhumoraj, nek la aludoj tiom mallertaj. Kompreneble malsprite ruza modelo disvolviĝis; sed la veraj artistoj de la milita leterskribado estas nur tiuj, kiuj forigas tiun modelon, serĉante rilatojn ĉiam novajn kaj ilin trovante. Tiaj artistoj kapablas, spite de la cenzuro, ĉion skribi kaj eksciі; nur la mencio de nomoj kaj adresoj postulas singardemon. Oni prefere ilin dispartigas en diversajn leterojn; en la unu oni nomas la lokon, en la alia la straton, en la tria la numeron de la domo; se eble oni interŝanĝas la adresojn de la leterricevontoj, kiuj kompreneble devas interkonsenti. Kian sagacecon la militkaptitoj aplikas al tiu ĉi malĝoja, plejofte penege sencela sporto! Ha, ili ja havas tempon, kaj tiaspecaj ruzaĵoj permesas, ke ili momenton sin sentas superaj ol la potenca malamiko, kiu ilin tenas en malliberejo. Tiel ili siamaniere daŭrigas la militon sen sangoverŝo per spiritaj armiloj, gajnas malgrandajn batalojn kaj kontentiĝas per modestaj repagoj.

Leteroj dum la milito estas ĉiam adresataj al du personoj: al la ricevonto kaj al la cenzuristo. Sed vera letero ĉiam destiniĝas al unu sola persono, kaj tiu ĉi ne estas la cenzuristo. Do, se oni akurate konsideras la aferon, en milito ne troviĝas veraj leteroj.

*L. Bauer.*
Trad.: *A. C.*

---

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Centra Organizo por daŭra Paco.** — Okaze de la nuntempaj pacaj priparoladoj, ni rememorigas pri la minimuma programo akceptita de la Centra Organizo por daŭra Paco, kies sidejo estas en Hago (Theresiastr. 51):

1e Estu nenia anekso, nek transcedo de teritorio kontraŭe al la interesoj kaj deziroj de la enloĝantaro, kies konsento estu petata laŭeble per plebiscito (popolvoĉdonado) aŭ alimaniere.

2e La Ŝtatoj garantiu al la gentoj (naciecoj) loĝantaj sur sia teritorio la civilan egalecon, la religian liberecon kaj la liberan uzon de ilia lingvo.

3e La Ŝtatoj interkonsentu enkonduki en siajn koloniojn, protektoratojn kaj influlandojn la komercan liberecon aŭ almenaŭ la egalan traktadon por ĉiuj nacioj.

4e La verko de la Pacaj Konferencoj celanta la pacan organizon de la Societo de la Nacioj estu daŭrigata.

La Paca Konferenco estu plene organizata kaj regule kunsidu.

5e La Ŝtatoj interkonsentu submeti siajn malkonsentojn al paca solvado. Por tiu celo estu kreata, flanke de la Haga Arbitracia Kortumo *a)* Konstanta Internacia Juĝa Kortumo, *b)* Internacia Konsilantaro por esplorado kaj akordigo.

6e La Ŝtatoj sin reciproke devigu diplomatie, ekonomie aŭ militiste agi, en la okazo se Ŝtato agus militiste, anstataŭ submeti la malkonsenton al juĝa decido aŭ peti la pacperadon de la Konsilantaro por esplorado kaj akordigo.

7e La Ŝtatoj interkonsentu limigi sian armadon.

8e Por faciligi la limigon de la mararmado, la kaptorajto estu forigata kaj la libereco de la maroj certigata.

9e La eksterlanda politiko estu submetata al efika kontrolo de la parlamentoj.

La sekretaj traktatoj estu plenrajte nuligataj.

∴ **Neŭtrala Konferenco.** — La centra sidejo de tiu konferenco, kiu, kiel oni scias, estis iniciatita de S-ro Ford, translokiĝis al Hago, kie ĝi laboros en rilato kun la Centra Organizo por daŭra Paco. Aliaj filioj estis starigitaj en Bern kaj Stockholm. La ĝenerala sekretario estas S-ro Louis P. Lochner. Oni scias, ke tiu ĉi organizaĵo publikigis informbroŝuron *en Esperanto* pri la celado de la Konferenco. Personoj dezirantaj ĝin ricevi skribu al la C. O. de UEA.

∴ **La oficistoj en la Usonaj magazenegoj.** — La produktopovo de la oficistoj estas unu el la ĉefaj sukcesfaktoroj de la modernaj firmoj, ĉu de la fabrikejoj, ĉu de la vendejoj. Kvankam la plej granda produktoforto povas troviĝi nur ĉe oficisto sana spirite kaj korpe, aksiomo jam de longe konata, tamen estas multaj firmestroj, kiuj ne ankoraŭ plene komprenas tiun principon. Inter tiuj, kiuj komprenis, ke la sano kaj feliĉo de la dungitaj personoj estas valora elemento de ilia komerca aktivaĵo, kaj sekve alprenis aranĝojn por konservi ambaŭ faktorojn, citindaj estas la direktoroj de kelkaj magazenegoj en Usonaj urboj.

Ni prenos kiel ekzemplon unu el la plej grandaj kaj bonaj magazenegoj en Nov-Jorko. Se la vizitanto supreniras la tegmenton de la konstruaĵo, je 11 etaĝoj super la strato, inter la dekdua kaj la unua posttagmeze, dum vintra suna tago, li kun surprizo trovos plurajn gejunulojn, kiuj marŝadas. Aliaj sidas sur brakseĝoj aŭ kuŝas sur sofoj aŭ junkaj seĝoj. En la sunejo („solarium“), ŝirmata per tegmento kaj vitraj paneloj, estas videblaj junulinoj manĝantaj aŭ eĉ dormantaj. Aliaj preferas la gimnastikejon, kie ili faras ne lacigan ekzercon.

Ekzistas manĝejoj por ambaŭ seksoj. Al la gejunuloj dungitaj por trairi la magazenon, oni donas supteleron, grandan glason de lakto, panon kaj buteron po 10 spesdekoj. Post sia manĝo la gejunuloj sin distras kiel supre dirite.

Krom tio, estas ankaŭ banĉambroj kun plena hidroterapia instalo. En la ripozĉambroj oni trovas muzikilojn, pianon, fonografon, k. t. p.

Vere mirige estas tio, kio en tiaj kondiĉoj estas farebla en unu horo. Post tia ripoztempo, la oficistoj estas kapablaj denove labori kun energio.

La direkcio ankaŭ instalis hospitaleton por la okazo, se oficistino subite sentas sin malbone. Se necese, oni povas ŝin flegi dum unu tago en speciala ĉambro. Plie, la kuracisto estas preskaŭ ĉiuhore vizitebla.

En alia Nov-Jorka magazenego oni lastatempe aranĝis horon, kaj lernejon por vendistinoj, kie ili estas instruataj pri ĉio rilatanta al ilia fako. — Laŭ *Bulletin de l'Union Panaméricaine*.

.˙. **Laborado de la internigitoj en Svisujo.** — Por okupi la internigitojn estas en studado kaj parte jam efektivigataj la jenaj sistemoj: La franca kaj germana registaroj instalos en Svislando vastajn laborejojn, en kiuj laboros la personoj taŭgaj por regula, profesia okupo. La tutan materialon liveros tiuj registaroj, kiuj ankaŭ ricevos la produktojn. Por la aliaj, pli malsanaj aŭ pro aliaj kaŭzoj ne profesie okupeblaj personoj, ekzistas metiejoj pli malgrandaj, kie oni faras kartonaĵojn, korbojn, pantoflojn k. t. p., vendatajn parte en Svisujo, parte en ilia patrujo. La internigitaj studentoj ricevis la permeson viziti la svisajn universitatojn; la muzikistoj, pentristoj kaj anoj de profesioj, kiuj ne faras konkurencon al la enlanda laboristaro povas akcepti oficojn aŭ private labori.

.˙. **Esperanto kaj Ruĝa Kruco.** — Kiel ni raportis en N-ro 191/192 de „*Esperanto*", la franca ŝtata subsekretario de la saneca servo sankciis la uzadon, en ĉiuj militaj sanigejoj en Francujo, de la Esperantaj Gvidlibroj de la Ruĝa Kruco. Tiuj libretoj jam ekzistas en naŭ lingvoj: franca, angla, germana, itala, rusa, hispana, dana, sveda, kaj portugala. La aŭtoro estis la bedaŭrata Leŭtenanto Bayol, de la Milita Kolegio St-Cyr.

Tre kuraĝiga estas la fakto, ke jam en du ĝis tri monatoj, de kiam estis sankciita la uzado de la gvidlibretoj, oni ricevis oficialajn mendojn de francaj militaj sanigejoj ĝis la jenaj nombroj: francaj 4989; anglaj 2596; germanaj 1824; rusaj 1989. Sume 10,696. Proksimume 11,000. Espereble tio estas nur komenco. Ĉu aliaj landoj sekvos tiun ekzemplon?

 LITERATURO 

# Johan-Kristofo

(Fragmento)

de **Romain Rolland**

Oni scias, ke la Nobel-premio por 1915 estis donita al la fama franca verkisto *Romain Rolland*, kiu dum la nuna milito sciis, male al multaj eminentuloj, resti fidela al sia idealo de interpopola kunlaborado. Ni publikigas ĉi-sube tradukon de fragmento el la unua volumo de la ĉefverko de Romain Rolland: *Johan-Kristofo*, genia muzikisto, kies vivon li rakontis en dek kortuŝaj libroj.

En ĉi-tiu fragmento, Johan-Kristofo, kvinjara knabeto, por la unua fojo eksentas la muzikan belecon. Vidante lian interesiĝon, la patro — Melkioro —, kiu mem estas muzikisto, penas fari el li junan virtuozon por ĉerpi el tio profiton. Johan-Miĥaelo estas la avo, ankaŭ muzikisto, Luizo la patrino. La malriĉa familio vivas en germana urbeto, borde de la Rejno.

. . . Meze de la pezaj mallumoj de la vivo, en la sufokanta nokto, kiu de horo al horo ŝajnis pli densa ĉirkaŭ li, ekbrilis, kiel stelo perdita en la malhelaj spacoj, la lumo, kiu estis radionta en lia vivo: la dia muziko . . .

La avo jus estis doninta al siaj infanoj malnovan pianon, je kiu unu el liaj klientoj volis sin liberigi; lia pacienca lerteco sukcesis ĝin proksimume rebonigi. La donaco ne estis tre favore akceptita. Luizo trovis, ke la jam tre malgranda ĉambro ne bezonas plian meblon, kaj Melkioro diris, ke la donaco de avo Johan-Miĥaelo ne multon valoras: ĝi estis nur brulligno. Sole Kristofo estis ĝoja pro la novalveninto, ne bone sciante kial. Al li ŝajnis, ke ĝi estas magia skatolo, plena de mirindaj rakontoj, kiel en tiu fabellibro — volumo de la Mil kaj unu Noktoj —, el kiu la avo de tempo al tempo legis al li kelkajn paĝojn, kiujn ilin ambaŭ ravis. La unuan tagon li estis aŭdinta sian patron, kiu, por provi la notojn, ellaŭtigis pluveton de arpeĝoj, similan al tiu, kiun mola ventoblovo faligas el la malsekaj branĉoj de arbaro. Li ekplaŭdis per la manoj, kaj kriis: „Ankoraŭ!" Sed Melkioro malŝate fermis la pianon, dirante, ke ĝi nenion taŭgas. Kristofo ne plu insistis; sed de tiam li senĉese vagadis ĉirkaŭ la instrumento; tuj kiam oni foriris el la ĉambro, li levetis la kovrilon kaj ektuŝis klavon, kvazaŭ li estus movinta per la fingro la verdan kirason de iu dika insekto: li volis, ke eliru la tie enfermita besto. Kelkafoje li frapis iom tro forte; kaj lia patrino kriis al li: „Ĉu vi ne restos trankvila? Ne tuŝu ĉion!" Aŭ li kruele pinĉis sin, refermante la skatolon; kaj li faris kompatindajn grimacojn, suĉante sian kontuzitan fingron . . .

Nun, plej granda estas lia ĝojo, kiam la patrino deĵoras aŭ trairas en la urbo. Li aŭskultas ŝiajn paŝojn en la ŝtuparo: jen, ili estas en la strato; ili malproksimiĝas. Sola li estas. Li malfermas la pianon, alproksimigas seĝon, alrampas ĝin; liaj ŝultroj atingas la alton de la klavaro; tio sufiĉas por lia celo. Kial li atendas esti sola? Neniu malhelpus lin ludi, kondiĉe ke li ne estu tro brua. Sed antaŭ la aliaj li hontas, li timas. Krom tio, oni paroladas, oni moviĝas: tio fuŝas la plezuron. Estas tiel pli bele, kiam oni estas sola! — Kristofo retenas sian spiradon, por ke estu ankoraŭ pli silente, kaj ankaŭ ĉar lin kaptas iom da emocio, kvazaŭ li estus ekpafonta. Batas al li la koro, kiam li ektuŝas klavon, kelkafoje, ĝin duonfrapinte, li relevas la fingron, por ĝin almeti sur alian. Ĉu oni scios, kio eliros el tiu-ĉi anstataŭ el tiu? — Subite, la sono laŭtiĝas: iuj estas profundaj, aliaj estas akutaj, iuj tintadas, aliaj gruntadas. La infano longe aŭskultas ilin, kiuj unu post la alia mallaŭtiĝas kaj estingiĝas; ili balanciĝas kiel la sonoriloj, kiam oni estas sur la kampo, kaj la vento laŭvice ilin alportadas kaj forprenadas; kaj kiam oni atenteme streĉas la orelon, oni en la malproksimo aŭdas aliajn malsamajn voĉojn, kiuj miksiĝas kaj turniĝadas, kiel insektoflugoj; ili ŝajnas alvoki vin, vin delogi malproksimen . . . malproksimen . . . pli kaj pli malproksimen en misterajn rifuĝejojn, kien ili enabismiĝas . . . Jen, ili malaperis! . . . Ne! ili ankoraŭ murmuretas . . . La flugiloj batetas . . . — Kiel stranga estas tio! Ili estas kiel la spiritoj. Ke ili tiel obeas, ke ili estas kaptitaj en tiu malnova kesto, tio ja ne estas klarigebla!

Sed plej bele el ĉio estas, kiam oni almetas du fingrojn sur du klavojn samtempe. Neniam oni precize scias, kio estas okazonta. Kelkafoje la du spiritoj estas malamikoj; ili koleriĝas, ili sin alfrapas, ili sin reciproke malamas, ili zumadas; ŝveliĝas ilia voĉo, kaj krias jen kun kolero, jen kun doloro. Tion ŝategas Kristofo: oni kredus elkatenigitajn monstrojn, kiuj mordas siajn ligilojn, kaj puŝfrapas la murojn de sia karcero; ŝajnas, ke ili ekrompos ilin kaj eksteren alsaltas, kiel tiuj estaĵoj, pri kiuj parolas la fabellibro, la genioj enkarcerigitaj en la arabaj kofroj sub la sigelo de Salomono. — Aliaj sonoj flatas vin: ili provas vin delogi; sed oni sentas, ke mordi ili deziras, kaj ke la febron ili havas. Kristofo ne scias, kion ili volas; sed ili allogas lin, kaj maltrankviligas; li preskaŭ ruĝiĝas. — Kaj, aliajn fojojn, ekzistas notoj, kiuj amas unu la alian: la sonoj antaŭensaltas, kiel oni faras per la brakoj kiam oni sin reciproke ĉirkaŭpremas; graciaj ili estas kaj mildaj. Estas la bonaj spiritoj; ili havas ridemajn kaj sensulkajn vizaĝojn; ili amas la malgrandan Kristofon, kaj Kristofo ilin amas; eklarmas la okuloj, kiam li aŭdas ilin, kaj li neniam laciĝas ilin ree alvoki. Ili estas liaj amikoj, liaj karaj kaj amemaj amikoj . . .

Tiel promenas la infano tra la arbaro de la sonoj, kaj li ĉirkaŭ si sentas milojn de nekonataj fortoj, kiuj lin kaŝobservas aŭ lin alvokas por karesi lin, aŭ por lin engluti . . .

Tagon, Melkioro lin surprizis en tia stato. Li tremigis lin per sia timiga voĉo. Kristofo sin kredis kulpa, kaj rapidege almetis

siajn manojn al la oreloj, por ilin ŝirmi el timindaj batoj. Sed, tute escepte, Melkioro ne riproĉis; bonhumora li estis, li ridis.

— Ĉu tio do interesas vin, knabaĉo? li demandis amike, manbatante lian kapon. Ĉu vi volas, ke mi lernigu vin ludi?

Ĉu li volis!... Li ravite murmuris jes. Ili ambaŭ sidiĝis antaŭ la piano. Kristofo, tiun ĉi fojon, lokiĝis sur kolonon de dikaj libroj; kaj, tre atentema, li ricevis sian unuan lecionon. Li unue lernis, ke tiuj murmurantaj spiritoj havas strangajn nomojn, ĥinajn nomojn de unu sola silabo, eĉ de unu sola litero. Li estis mirigita; li imagis ilin aliaj: belaj karesemaj nomoj, kiel la princinoj de mirrakonto. Li ne ŝatis la senĝenan manieron, en kiu lia patro parolis pri ili. Cetere, kiam Melkioro elvokis ilin, tio ne plu estis la samaj estaĵoj; frapate de liaj fingroj, ili alprenis indiferentan mienon. Tamen, Kristofo estis kontenta lerni iliajn rilatojn, ilian hierarkion, tiujn gamojn, kiuj similis al reĝo komandanta armeon aŭ trupon de negroj laŭvice alligitaj. Li kun miro vidis, ke ĉiu soldato aŭ ĉiu negro povas siavice fariĝi monarko aŭ trupestro, kaj eĉ, ke oni povas malvolvi tutajn batalionojn de unu fino de la klavaro al la alia. Lin amuzis, teni la fadenon, kiu ilin marŝigas. Sed ĉio tio estis jam malpli impona ol tio, kion li unue vidis: li ne plu retrovis la ensorĉitan arbaron. Tamen li diligente laboris, ĉar tio ne estis enua, kaj lin surprizis la pacienco de la patro. Melkioro ne laciĝis; li rekomencigis al li dekfoje la saman ekzercon. Kristofo ne komprenis, kial li tiel multe penis: ĉu lia patro do lin amis? Kiel bona li estis! Kun dankema koro, la infano laboris.

Li estus malpli obeema, se li scius, kio okazas en la kapo de lia patro.

* * *

De tiu tago, Melkioro lin kondukis ĉe najbaron, kie tri fojojn en la semajno oni aranĝis kunvenojn por ĉambra muziko. Melkioro ludis la unuan violonon, Johan-Miĥaelo la violonĉelon. La du aliaj estis bankoficisto kaj la maljuna horloĝisto de la Schillerstrato. De tempo al tempo ankaŭ venis la apotekisto, kiu alportis sian fluton. Oni alvenis je la kvina kaj foriris je la naŭa. Inter ĉiu muzikpeco oni ensorbis bieron. Najbaroj envenis, eliris, aŭskultis nenion dirante, starante kontraŭ la muro, balancadis la kapon, movis la piedojn laŭ la takto, kaj plenigis la ĉambron per tabaknuboj. La paĝoj sekvis la paĝojn, la pecoj sekvis la pecojn, sed la paciencon de la muzikantoj nenio lacigis. Ili ne parolis, kuntiritaj pro atentemo, iafoje ellasante murmuron de plezuro, cetere tute nekapablaj ne sole esprimi, sed eĉ senti la belecon de muzikpeco. Ili ludis nek tre ĝuste, nek tre laŭtakte; sed ili neniam konfuziĝis, kaj fidele konformiĝis al la enskribitaj nuancoj. Ili havis tiun muzikan talenton facile kontentigeblan, tiun perfektecon en la mezvaloreco, kiu estas ofta ĉe la raso, kiun oni nomas la plej muzikema en la mondo. Ili ankaŭ estis malmulte postulemaj pri la kvalito de la nutraĵo, se nur estis la kvanto, kaj ili havis tiun fortikan apetiton, al kiu ĉia muziko estas bona, kiu ne faras diferencon inter Brahms kaj Beethoven, aŭ, en la verko de sama majstro, inter senenhava koncerto kaj kortuŝa sonato, ĉar ili estas el la sama pasto.

Kristofo restis aparte, ĉe angulo al li apartenanta malantaŭ la piano. Neniu povis lin tie ĝeni, ĉar por eniri oni devis marŝi je kvar piedoj. Estis duone malluma; kaj la infano havis ĝuste lokon por mallarĝe kuŝiĝi. La fumo de la tabako penetris al li en la okulojn kaj en la gorĝon, kaj ankaŭ la polvo, kiu estis en densaj flokoj, kiel ŝafofeloj; sed pri tio li ne atentis, kaj serioze aŭskultadis, sidante sur siaj kruroj turkmaniere, kaj per siaj malpuraj fingretoj larĝigante la truojn en la tolo de la piano. Li ne ŝatis ĉion, kion oni ludis; sed nenio el la luditaĵoj lin enuigis, kaj li neniam provis formuli siajn opiniojn, ĉar li kredis, ke li estas tro malgranda kaj tro malklera. Sed la muziko lin jen dormigis, jen vekis; neniuokaze ĝi estis malagrabla. Sen lia konscio, lin preskaŭ ĉiam ekscitis la bona muziko. Certa, ke li restas nevidate, li faris grimacojn per sia tuta vizaĝo; li kuntiris la nazon, interfermis la dentojn, aŭ li streĉis la langon, rigardis per koleremaj aŭ sopiremaj okuloj, li movis la brakojn kaj la krurojn kun spita kaj brava mieno, li ekdeziris marŝi, frapi, dispecigi la mondon. Li tiel multe baraktis, ke fine ies kapo kutime kliniĝis super la piano, kaj kriis: „Nu, knabaĉo, ĉu vi estas freneza? Ĉu vi volas lasi tiun pianon? Mi tuj elktiros al vi la orelojn!" — Tio igis lin honta kaj furioza. Kial oni rompis lian plezuron? Ĉiam persekutata li estis! Lia patro laŭte aprobis. Oni riproĉis al li fari bruon, ne ŝati la muzikon. Li fine kredis ĝin. — Oni estus miriginta tiujn honestajn oficistojn okupatajn per muelado de koncertoj, se oni estus dirinta al ili, ke el la tuta societo, la sola, kiu vere sentas la muzikon, estas tiu knabeto.

Se oni volis, ke li restu trankvila, kial oni ludis al li marŝigajn ariojn? En tiuj muzikpaĝoj, estis furioze kuregantaj ĉevaloj, glavoj, militkrioj, la fiero de l'triumfo; kaj oni volus, ke kiel ili, li balancadu la kapon kaj markadu la takton per sia piedo! Por tio oni ludu al li kvietajn revaĵojn, aŭ el tiuj babilemaj paĝoj, kiuj multon parolas por nenion diri; en la muziko, ili ja ne mankas: ekzemple, tiu peco de Goldmark, pri kiu la maljuna horloĝisto jus diris kun ravita rideto: „Beleta ĝi estas. Estas nenia malglataĵo. Ĉiuj anguloj estas rondigitaj." La knabo tiam estis tre trankvila. Li eĉ ne sciis, kion oni ludis; li fine ne plu aŭdis ĝin, sed feliĉa li estis, liaj membroj malvigliĝis, li revetis.

Liaj revoj ne estis logikaj rakontoj; ili havis nek voston, nek kapon. Apenaŭ li de tempo al tempo vidis precizan bildon: lia patrino faras kukon, kaj per tranĉilo elprenas la paston restintan inter siaj fingroj — akvorato, kiun li hieraŭ ekvidis en la rivero — vipo, kiun li intencis fari per rimeno de saliko... Dio scias, kial tiuj rememoroj nun kaptis lin! — Sed plej ofte li tute nenion vidis; kaj tamen li sentis multegajn aĵojn. Estis kvazaŭ estus amaso de tre gravaj aĵoj, kiujn oni ne povis diri, aŭ kiujn diri estis senutile, ĉar oni sciis ilin kaj ĉar tio estis ĉiam. Iuj estis malĝojaj, malĝojegaj; sed ili ne havis ion afliktan, kiel tiuj, kiujn oni renkontas en la vivo; ili ne estis malbelaj kaj malnobligaj, kiel kiam Kristofo estis vangfrapita de sia patro, aŭ kiam, kun honta koro, li pensis pri ia insulto: ili, kontraŭe, plenigis la spiriton per melankolia trankvilo. Aliaj estis lumaj; ili elverŝis torentojn de ĝojo; kaj Kristofo pensis: „Jes, estas *tiel*... *tiel* mi pli malfrue faros." Li tute ne sciis kiel estis *tiel*, nek kial li ĝin diris; sed li sentis, ke li devas ĝin diri, kaj tio estis klara kiel la taglumo. Li aŭdis la bruadon de maro, al kiu li sentis sin proksima, apartigita nur per sablaj muroj. Kristofo havis nenian ideon pri tiu maro kaj pri ĝia rilato al li; sed li konsciis, ke ĝi supreniros super la bariloj, kaj tiam!... Tiam, estus bone, tute feliĉa li estus. Aŭdante ĝin tutproksime, sin lulante je la bruado de ĝia granda voĉo, ekpaciĝis ĉiuj ĉagrenetoj, ĉiuj insultoj; ili ĉiam restis malĝojaj, sed ne plu estis hontigaj aŭ malfierigaj: ĉio ŝajnis laŭnatura kaj preskaŭ milda.

Ofte, lia entuziasmo devenis el nevaloraj muzikpecoj. Iliaj aŭtoroj estis kompatindaj mizeruloj, kiuj pensis pri nenio krom pri mongajnado, aŭ faris al si iluziojn pri sia malplena vivo, kunmetante notojn, laŭ konataj formuloj, aŭ, — por esti originalaj — kontraŭ la formuloj. Sed en la sonoj, kiujn aranĝas eĉ malspritulo, estas tia potenco de vivo, ke ili povas malserenigi naivan animon. Eble eĉ la revoj, kiujn sugestas la malsprituloj estas pli misteraj kaj pli liberaj, ol tiuj naskataj de ordonema penso, kiu perforte delogas, ĉar la sencela movado kaj la senenhava babilado ne ĝenas la spiriton el lia propra ravado.

Tiel restadis la infano, forgesita, forgesanta, ĉe la angulo de la piano, — ĝis subite li sentis kvazaŭ formikojn en la kruroj. Kaj li tiam rememoris, ke li estas knabeto kun nigraj ungoj, kaj ke li frotadas sian nazon kontraŭ tute blanka muro, tenante la piedojn inter siaj manoj.

*(Daŭrigota.)* Trad.: *H. H.*

OKAZE DE LA NOVA JARO LA REDAKCIO DE „ESPERANTO" SENDAS AL SIA LEGANTARO KAJ AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ LA PLEJ KORAJN BONDEZIROJN.

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Eger:* S-ro Hell gvidas du kursojn, elementan kun 18 personoj, kaj daŭrigan kun 19 personoj. — *Olmütz:* Kvar kursoj komenciĝis en la germana reallernejo sub la gvidado de S-ro Murath, kun 60 partoprenantoj. En la bohema reallernejo, S-ro Kudelo gvidas du kursojn kun pli ol 50 lernantoj. — *Praha:* F-ino J. Šupichová gvidas du kursojn por sinjorinoj. — *Villach:* S-ro Homer gvidas kurson kun 33 partoprenantoj. Du kinematografejoj prezentis dum du semajnoj kelkajn Esp. lumbildojn. — *Wien:* La Unua Viena Esp. Unuiĝo aranĝis du perfektigajn kursojn kaj unu komencan kurson gvidatan de S-ro Schamanek.

### Danujo.

*Kopenhago:* Ĉe propagandkunveno, kiun aranĝis „Societo de Danaj Esperantistoj", F-ino Rybo, sekretariino de Centra Dana Esp. Ligo, faris bonegan paroladon pri „La laboro de D-ro Zamenhof por paco kaj frateco inter la homoj". Ŝi precipe atentigis pri la interna ideo de Esperanto kaj laŭtlegis la alvokon al la diplomatoj de D-ro Zamenhof. La membroj de la Kopenhaga Pacifista Societo estis invititaj kaj la sufiĉe granda aŭskultantaro kun granda intereso sekvis la plensentan kaj elokventan paroladon de F-ino Rybo.

### Germanujo.

*Augsburg:* La Societo rekomencis la agadon per interesa parolado. La rezultato estis la starigo de nova kurso gvidata de S-ro K. Steckfuss. — *Danzig:* Novan kurson gvidas F-ino M. Schultz. — *Essen:* S-ro Pillath paroladis pri la graveco de Esp. post la milito; 36 gesinjoroj sin enskribis por nova kurso. Krom tio aliĝis multaj personoj kiel subtenantaj membroj. — *Gera:* La grupo aranĝis familian kunvenon bone vizitatan. — *Königsberg:* Je nova kurso gvidata de D-ro Nitz partoprenas 60 personoj. — *Leipzig:* La Saksa Esp. Instituto aranĝis kvin novajn kursojn por komencantoj. — *Oldenburg:* La stato de la ĉi-tiea grupo estas kontentiga. Kursoj estis faritaj en lacaretoj. — *Regensburg:* S-ro Menschick gvidas kurson kun ĉ. 30 personoj.

### Hispanujo.

*Palma de Mallorca:* Ĉe la ĉi-tiea grupo Esp. Klubo Palma kunvenis la membroj de UEA por okazigi la jaran regularan kunvenon. S-ro Bofill legis sian raporton. La kunveno esprimis al li sian dankemon pro lia fervora agado. — *Sabadell:* En la societo Aplech, ofte okazas teatraj prezentadoj. S-ro N. Ullar faris sukcesan lumbildan paroladon. Novaj kursoj estis malfermitaj.

### Nederlando.

*Enschede:* La jus fondita Esp. societo starigis kurson kun 15 partoprenantoj; ĝin gvidas S-ro G. P. de Bruin. — *Hengelo:* La klubo „La Twenta Stelo" aranĝis agrablan festkunvenon. — *'s Hertogenbosch:* Propaganda kunveno okazis. S-ro Hardy, el Tilburgo, paroladis antaŭ 55 personoj. Du kursoj estas aranĝitaj. — *Kampen:* F-ino C. Graftdijk-Kok sukcesis starigi kurson. — *Rotterdam:* S-ro Justus Gal faris propagandan paroladon por fondo de trimonata kurso kaj uzado de Esp. en la komerco. Kelkaj personoj intencas sekvi kurson. — *Venlo:* S-ro van Leerdam donas kurson por deko da knaboj de la Patronato. — *Vlissingen:* Esp. ekspozicio kaj parolado estas aranĝitaj. Nova kurso malfermiĝis. — *Waalwijk:* F-ino H. van Griensven gvidas kurson.

### Rusujo.

*Astraĥan:* Komenciĝis kurso ĉe la komercaj klasoj. Direktoro de reallernejo Sobolov permesis organizon de Esp. rondeto, kiu jam kalkulas 20 membrojn. La Astraĥana Esp. Societo propagandis por malfermo de kursoj laŭ la propono de S-ro Marshall, el Londono. — *Barnaul:* Instruistino N. N. Kungurova malfermis kurson, je kiu enskribiĝis 100 personoj. — *Kozlov:* En la loka gazeto daŭras aperi favoraj artikoloj. Dum duonjaro, loka librejo vendis pli ol 300 Esp. librojn. — *Orel:* Esp. rondeto estas aranĝita de S-ro H. Jakobson. — *Petrogrado:* En la Virina Politeknika Instituto okazis du sukcesaj paroladoj de S-roj A. M. Nedoŝivin kaj V. A. Dmitrijev. Kurson gvidas S-ino A. Ŝiŝko. En Petrograda Esp. Societo funkcias multe vizitataj kursoj gvidataj de S-ro V. A. Dmitrijev. — *Serpuĥov:* S-ro Vs. Basov faris publikan paroladon. — *Tiflis:* Grupo de samideanoj intencas rekomenci la eldonadon de la gazeto „Kaŭkaza Esperantisto". — *Vitebsk:* Nova kurso komenciĝis kun 42 personoj. Unu el la lernintinoj de la unua kurso, F-ino M. Voronkova, aranĝis en Orŝa (Mogil gub.) kurson kun 10 personoj.

### Svedujo.

La sekretario de „Verda Stelo" en Stockholm, S-ro T. Rosengren, komencis propagandan vojaĝon, parolante kun lumbildoj pri Svisujo kaj la Berna Kongreso k. t. p. Li jam paroladis en *Stocksund*, *Djursholm* (kvarfoje), *Sundbyberg* (dufoje), *Nynashamn*, kaj aliaj lokoj; ĉie granda sukceso kaj granda publiko.

### Svisujo.

*Davos:* Dum sia restado tie, S-ino Biske faris kurson al internigitoj ĉe la franca-belga sanigejo. — *Genève:* La grupo „Stelo" aranĝis sukcesan vesperfesteton por rememorigi pri la naskiĝo de nia majstro; S-ro Ed. Privat paroladis pri sia lasttempa vizito al D-ro Zamenhof. — *La Chaux-de-Fonds:* S-ro Ducommun, el Le Locle, gvidas kurson. — *Lugano:* La grupo organizis kurson kun 29 lernantoj. Instruas S-ro Arturo Martellotto, prez. La grupo kunvenas ĉiujaŭde je 8½ h., ĉe la senalkohola restoracio, Corso Pestalozzi 13. — *Lyss:* Komenciĝis nova kurso sub la gvidado de S-ro E. Scheurer. — *St. Gallen:* Nova kurso komenciĝis sub la gvidado de S-ro Kürsteiner. — *Zürich:* S-ro Karl Jost nun direktas kurson.

### Brazilujo.

*Aracajú* (Sergipe): Oni prepariĝas por la 6a Brazila Esp. Kongreso okazonta en tiu ĉi urbo la 2—6 januaro 1917. D-ro A. Paes kaj S-ro S. de Albuquerque gvidas kursojn kun multaj gelernantoj. — *Barbacena* (Minas): S-ro A. Paulino de Souza faris paroladon en la Militista Kolegio. Li malfermis kurson, al kiu enskribiĝis multaj lernantoj. — *Coimbra* (Minas): S-ro B. Assumpçao donas Esp. lecionojn en la gazeto „A Voz da Serra". — *Itascára* (Minas): La Klubo „Junularo" aranĝis kurson. — *Rio de Janeiro:* La Brazila Klubo „Esperanto" festis la 10an datrevenon de sia fondo per sukcesa vespermanĝo. D-ro Nuno Baena malfermis kurson. La Bulteno de la Brazila Ruĝa Kruco enhavas artikolojn pri Esp. La infana revuo „O Tico-Tico" publikigis bonan propagandan komedion pri Esp.

**Usono.**

*Anacortes* (Wash.): Ĉe la graflanda kunveno de la instruistoj, S-ro Frank P. Zent faris paroladon; ĉirkaŭ 200 geinstruistoj ĉeestis. — *Denver* (Col.): Laŭ la iniciato de S-ro S. Paubionski, grupo fondiĝis. — *Fort Collins* (Col.): S-ro H. A. Graves gvidas kurson en la „Agriculture College". — *New York*: Multaj leteroj pri internacia lingvo aperis en ĵurnaloj. S-ro P-ro Christen faris serion de paroladoj ĉe la Brooklyn Central Y. M. C. A. S-ro A. Coigne gvidas kurson ĉe la Teozofia Societo. — *San Francisco* (Cal.): Okazis sukcesa festo de la Kalifornia Esp. Rondaro. La raporto de la sekretariino, F-ino M. D. Van Sloun, atestis pri la vigleco de la propaganda laboro.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj dum novembro 1916, alprenis la jenajn decidojn:

1. La Komitato esprimas sian profundan doloron pri la morto de nia Prezidanto, S-ro H. Bolingbroke Mudie, kaj de nia Vicprezidanto, S-ro Th. Rousseau, kiuj falis en la servo de sia patrujo. Konsiderante, ke nuntempe nek daŭra laborado de la Komitato, nek nova baloto estas eblaj, kaj ke la ĝeneralaj povoj transdonitaj al la Centra Oficejo je la komenco de l' milito estis bone uzataj en la intereso de la Asocio, la Komitato decidas prokrasti sian kompletiĝon ĝis post la fino de la milito.

2. La Komitato aprobas kun danko la raporton pri la administrado de la asocio kaj konfirmas laŭsence por tiu jaro la decidojn 1, 2, 3 (malpli la unua frazo), 5 kaj 7, akceptitajn dum decembro 1915.

3. Per la aperigo de la Jarlibro 1916, UEA pruvis, ke dum tutmonda milito ĝi bone funkcias. Sed, ĉar por la malfaciligo de internaciaj vojaĝoj kaj de korespondado, la praktika valoro de la Jarlibro estas dum la nuna periodo ne sufiĉe granda kompare kun la kostoj, la Komitato decidas, ke la proksima Jarlibro aperos nur post la konkludo de paco. Dum 1917 la repagintaj membroj ricevos raporton pri la agado de UEA kaj la ĝenerala stato de la movado.

4. La Komitato esprimas siajn sincerajn kondolencojn al la parencoj kaj amikoj de ĉiuj samideanoj falintaj en la milito. Ĝi esperas, ke malgraŭ la teruraj okazintaĵoj la Esperantistoj restos konsciaj je nia tasko, alkonduki la homaron al supernacia kaj paca interkompreniĝo.

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 30 novembro estis enkasigitaj 138 kotizaĵoj (el kiuj 16 subtenantoj). Krom tio estas 153 dumvivaj membroj. Sume: 291. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 6.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 651 | 694 |

*Tuta sumo*: 1345. (Antaŭa monato: 1319.)

**Novaj Delegitoj.**

*Gijon* (Hispanujo, Asturias). — D.: S-ro Menendez Gonzalez Gualberto, oficisto, Pedro-Duro N-ro 4, entr.
*Montboyer* (Francujo, Charente). — D.: S-ro Gustave Poitevin, komerca vojaĝisto.
*Niagara Falls* (Usono, New York). — D.: F-ino Grace Randolph, 300, Jefferson Av.
*Southampton* (Anglujo). — D.: S-ro Sydney James Witt, Poŝtoficejo.
*Tucuman* (Argentina Respubliko). — D.: S-ro Jaime Puig Rodon, profesoro, 569, Calle C. Alvarez.

**Rimarkoj.**

La Del. de *Chemnitz*, S-ro Wicke, estas mobilizita.
Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Enfield-London* (Anglujo); *Perth* (Aŭstralio); *Poltava* (Rusujo).

# Vizito al D-ro Zamenhof

Dum monato decembro 1916 trian fojon mi vojaĝis Polujon kaj en ĉi-tiu milito duan fojon mi vizitis nian karan Majstron en Varsovio.

Longa malsano lin suferigis antaŭ kelka tempo, sed nun li jam resaniĝis kaj daŭre kuracas okulojn de sia nova klientaro. Efektive sian ĝisnunan klientaron kaj loĝejon li transdonis al sia filo Adamo kaj mem luis loĝejon en granda strato Krolewska ĉe centro de la urbo. Sed la tempo estas nun tre malfacila kaj por ĉiu Varsoviano la vivzorgado estas ofte vera problemo, ĉar la kostoj altiĝis en terura grado.

Pri tio D-ro Zamenhof nenion diris al mi, sed mi ja konstatis la faktojn kaj, kvankam nia Majstro ĉiam preferis kuraciĝe kaj sendepende perlabori sian vivon per sia okulista profesio, min doloras la impreso, ke li ne povas nun iom ripozi kaj liberiĝi el profesiaj devoj.

Lia sano estas ankoraŭ neforta. Je ekscitiĝoj aŭ laceco li ricevas korbatojn kaj spiras malfacile. Estas por ni Esperantistoj iom hontinde, ke la verkaro de nia Majstro ne povas havigi al li meritintan pension, kiel al ĉiuj tutmondaj geniaj aŭtoroj. Ĉar li mem neniam aludas ĉi-tiun temon kaj estas delikata nekomercema viro, ni devus mem aranĝi ian indan aŭtorrajtaĵon por anstataŭi la Nobelan premion, ĝis li ricevos ĝin.

Nek pri tio, nek pri politiko mi parolis kun D-ro Zamenhof, kvankam la nuna stato de Polujo estas treege interesa. Mi nur promesis al li, ke ni ĉiuj laboros en niaj diversaj landoj, por ke la packonferenco starigu liberan Polujon, en kies ĉefurbo ni faros venontan Esperanto-kongreson, por eviti al li laciĝan vojaĝadon.

Pri kio parolis do nia Majstro? Unue pri ĉiuj fidelaj samideanoj falintaj en la milito. Kvazaŭ patron ĉagrenvundis la Doktoron tiuj multnombraj mortoj.

Due pri homaro ĝenerale. La paca geniulo timas, ke li ne povos plenumi la pli gravan parton de sia devo al homaro, t. e. la klopodo por starigi intergentan liberan fratecon. Ni ja scias, ke nur por tiu celo li donis al ni la lingvon, kiu sufiĉis por lin famigi kaj igi nin jam tre dankaj.

Je nomo de multaj samideanoj mi lin certigis, ke ni komprenas tion kaj bezonas lian genion post la milito por labori laŭ tiu direkto. Multajn homojn pripensigis la terura buĉado. Gravan rolon povos ludi D-ro Zamenhof en la rekonstruado de la homa societo. Ni volas, ke li vivu por tio, kaj ni dankas lian fidelan edzinon, kiu tiel ame zorgas por dolĉigi lian vivon.

Al tuta Esperantistaro mi transdonas fratan saluton en lia nomo.

Al li tiu-ĉi gazeto alportu korajn bondezirojn en la nomo de tuta Esperantistaro.

*Edmond Privat.*

# Esperanto en la lernejo

El *„Esperanto-Monthly"* ni tradukas la jenan interesan opinion pri la pedagogia valoro de nia lingvo, eldiritan de D-ro A. E. Scougal, antaŭe ĉefinspektoro de lernejoj en Skotlando kaj eminenta edukisto, pri kies morto aperis artikoleto en la lasta N-ro de nia gazeto.

Jam serioze studinte Esperanton, mi plene konsentas kun la opinioj esprimitaj de la estinta Profesoro J. E. B. Mayor ĉe Kembriĝo en 1907; 1e ke, kiel unua paŝo al aliaj lingvoj ol la propra, Esperanto „estos netaksebla"; kaj 2e, ke pro tio Esperanto devus esti instruata al infanoj, antaŭ ol ili komencas lerni la francan, la latinan, la germanan, kaj la grekan.

De la vidpunkto de edukada metodo, jen la ĉefaj konsideroj, kiuj subtenas ĉi tiun novan metodon por la instruado de lingvoj:

*I. Esperanto estas multe pli facile akirebla, ol iu ajn alia „fremda" lingvo.*

Tiu facileco rezultas el:

1e la mirindaj simpleco, klareco, ŝparemo, kaj tamen kompleteco de ĝia gramatiko;

2e ĝia genia, memorŝpara sistemo de vortfarado — de „radikoj" elektitaj preskaŭ sen escepto el la plej vastekonataj lingvoj eŭropaj;

3e ĝia absolute fonetika elparolado — kun facilaj, komunaj, internaciaj konsonantsonoj; puraj, plenaj, klaraj vokalsonoj; kaj perfekte unuforma regulo por la akcentado;

4e — kaj tre grave — la fakto, ke ĉie, en la gramatiko, en la vortfarado, kaj en la elparolado, la Esperantaj „reguloj" estas nepre konstantaj: ne ekzistas „esceptoj".

La lingva instruisto laŭ tiuj rilatoj komparu, kaj kontrastu Esperanton kun iu ajn alia lingvo, kiun li devas instrui! Mi estas certa, ke mi ne eraras, kiam mi firme asertas, el mia propra observado, ke ĉe Esperanto la juna lernanto akiros en unu jaro pli bonan konon de sia nova lingvo, ol ĉe la franca li povus akiri en tri jaroj. Tial oni prave povas eklerni Esperanton *almenaŭ* unu jaron pli frue, ol iun alian duan lingvon.

*II. Esperanto estas por la juna lernanto plej kuraĝiga kaj stimula nova lingvo.*

Kompreneble, ĝi postulas laboron, kaj konstantan laboron liaparte; sed nura memorigado estas minimumigata, kaj la alvoko estas plimulte al la inteligento kaj la konstrupovoj de la infano; li faras rapidan kaj certan progreson; kaj frue li atingas tiun konscion de akirado kaj uzpovo, kiu estas samtempe rekompenco jam efektiviĝinta, subtenilo de la intereso, kaj kuraĝiga stimulilo.

*III. Lerni Esperanton kiel la unuan kroman lingvon estas, de la metoda vidpunkto, gajni tempon, ne perdi ĝin;* ĉar en Esperanto, kiel estis dirite, „oni trovos kvazaŭ tipon de (fleksia) lingvo ĝenerale". Ĝiaj simpligitaj gramatiko kaj fonetiko, sen ia embarasa konfuzo de neregulaĵoj kaj esceptoj, igas klaraj, emfazigas, kaj impresas sur nin la necesegajn *fundamentojn* de lingva studado. Lerni kaj uzi ĝian vortaron estas, rilate al ties pli granda parto, nur akiri, per maniero aparte inteligenta kaj memorimpresiga, konon pri radikoj kaj vortoj renkontotaj de la lernanto en la aliaj lingvoj studotaj — precipe en la latina kaj latindevenaj lingvoj. La logikeco, precizeco, kaj klareco de Esperanto faras la lernadon admirinda ekzercado en klarpensado kaj en ĝusteco kaj koncizeco de esprimado. Plue, se la lernanto estas lingvistikema — la sola speco de lernanto, mi opinias, al kiu de la edukada vidpunkto valoras instrui *ĉe la lernejo* pli ol unu fremdan lingvon — la fervoro rezultanta el la konscio de rapida progreso kaj uzebla akiraĵo en tiu lia unua nova lingvo multe helpos kuraĝigi kaj pretigi lin por ekstudi la sekvontan lingvon, kiu ajn ĝi estu.

Sekvas el ĉio tio, preskaŭ sen neceso ĝin diri, ke mi rekomendas Esperanton, kiel la solan kroman lingvon, kiam tia lingvostudo estas deviga por infanoj forlasontaj la lernejon en la aĝo de dek-kvar jaroj, kaj tial ne havantaj intencon aŭ atendaĵon plu studi lingvojn. Ĉe iu ajn alia lingvo, ol Esperanto, tiaj infanoj, en la lernotempo restanta al ili, povas nur fari komencon — komencon, kiu por la plimulto el ili estas malfacila kaj seninteresa, kaj kondukos al nenia videbla celo. Se, tamen, ili eklernas Esperanton, ili faros, kiel jam pruvis la sperto, tiel rapidan progreson, ke ili baldaŭ trovos kaj montros intereson kaj ĝuon en sia laboro; kiam ili forlasas la lernejon, ili estos gajnintaj ion reale valorantan al ili, utilan konon de sia dua lingvo; kaj akirante tion, ili travivas plej valoran intelektan disciplinon kaj vivigon tiajn, kiajn ili ne povus, en la sama tempospaco, ricevi el la studo de iu alia lingvo.

† *D-ro A. E. Scougal,*
antaŭe ĉefinspektisto de lernejoj en Skotlando.

---

# Pri la literaturo Esperantista

Estimata Sinjoro Direktoro,

Mi kun granda intereso legis la artikolojn pri la literaturo Esperantista, kaj mi petas lokon por kelke da vortoj pri tiu temo.

Ŝajnas al mi tute nature, ke Esperanto, kiel ĉiu alia kultura lingvo, posedu originalan literaturon. Floranta diversspeca literaturo estas grava posedaĵo por ĉiu lingvo kaj popolo. La historio montras, ke malgrandaj popoloj konservis sian lingvon, sian unuon, dank' al la vivanta, valora literaturo, kiun ĝi posedas. Ĉiuokaze la literaturo estas bona spegulo de popolo, en ĝi oni povas vidi la internan kvaliton kaj vivforton de la popolo, la spiritan staton kaj evoluon. Estas vere, ke nia literaturo devas vivigi la ideojn de la Esperantistaro, veki entuziasmon en ĉiu Esperantisto. Ni nur ne forgesu, ke la Esperantistaro nun iom diferencas de tiu, kiu estis en la komenco de la Esperanta movado, en la infana periodo de nia lingvo. En la lasta tempo, Esperanto — feliĉe — pli kaj pli eniris en *la praktikan* vivon. Tial mi opinias, ni ankaŭ de nun devas rigardi la Esperantistan literaturon de nova flanko, de nova praktika vidpunkto. La demando, ĉu originala Esperantista literaturo aŭ ne, do venas sur alian planon. Mi estas tute konvinkita pri tio, ke ni nun per kreo de originala *fakliteraturo* farus grandan progreson por la utiligo de Esperanto. En ĉiuj fakoj, en tekniko kaj scienco, ekzistas problemoj, specialaĵoj, kiujn oni devas studi, lerni kaj pritrakti. Oni havus de speciale originala Esperantista fakliteraturo grandegan utilon kaj helpon, kaj per Esperanto oni ja povus direkte trafi la certe ne malmultajn interesulojn diverslandajn. La granda publiko, kiun ni celis per nia Esperanta propagando kaj parte akiris, bezonas pli ol poeziaĵojn, kaj mi varme rekomendas al la verkistoj, kompetentuloj, verki en la direkto de mi montrita. Mi plene konsentas, ke la Esperantistoj devas fondi literaturon propran originalan, karakterizan, literaturon severe internacian, literaturon novan respondantan al *la moderna* vivo. Nia belega literaturo kaj poezio estas nature ankaŭ tre grava. De nia el ĉefverkoj tutmondaj tradukita literaturo niaj poetoj kaj verkistoj certe povas havi eblon fari komparojn, kaj espereble ili en la estonto donos al la Esperantistaro originalajn verkojn nur de literatura, edukanta aŭ de speciala valoro. Sed mi kredas, ke ni por la nuna tempo bezonas malpli da poezio, da revoj kaj fantaziaĵoj. Ni memoru, ke nova periodo por Esperanto venis, ke ĝi fariĝis posedaĵo ne nur de fantaziuloj kaj idealistoj. Ni forlasis la infanecon, kaj nia literaturo Esperantista estu pruvo, ke ni Esperantistoj fariĝis maturaj, povante ankaŭ zorgi por la ampleksa praktika vivo. *T. Rosengren,* (Stockholm).

# Esperantia Parolejo

### Esperanto kaj utopiistoj

20 Miliardoj da frankoj, markoj, rubloj aŭ kion vi deziras estos per la packontrakto destinataj al la disvastigo de nia lingvo. Tiel estas la volo de certa S-ro Silvio Gesell, kiu, en flugfolio al ni sendata, starigas kvin ĉefajn kondiĉojn de paco. Unue: La klopodoj, per kiuj ĉiu nacio forŝovas de si la respondecon pri la militeksplodo, pruvas, ke la loĝantaro de neniu lando vere volis militon. Sekvas, ke kulpaj estas aro da mensogistoj, trompuloj kaj intrigantoj. La unua leĝo de aktiva pripaca politiko estu do, ke oni servu al la lumo kaj la vero. La pacoficejo en Hago ricevu plenpovojn kapti ĉiujn mensogistojn de la mondo, ankaŭ la diplomatojn, kaj pendigu aŭ severe punu ilin. — Due: Por malebligi estontajn mensogojn, internacia lingvo estas necesa. „Kio estas skribata nacilingve, restas kvazaŭ sekretaĵo de la koncerna popolo, dum Esperanta verko estas sub la kontrolo de la homaro." Sekve la venkita malamiko, kiu ajn li estos, pagu al la pacoficejo dek miliardojn; la Paca Diktatoro (?) duobligu la sumon el siaj propraj rimedoj kaj la neŭtralaj ŝtatoj helpu donante la duonon de siaj militistaj kaj militŝiparaj elspezoj. Kun tiu mono oni faru Esperantajn kursojn en ĉiuj landoj kaj starigu Esperanto-Akademion en Hago, kiu dissendu tra la mondo pacajn apostolojn. — Trie: Malpli malhonestaj, sed same danĝeraj kiel la trompistoj estas la stultuloj, ĉar nur per ili la mensogistoj sukcesas. Sekve: la Paca Diktatoro postulos de la batita malamiko garantiojn kontraŭ la malspirituloj, la analfabetuloj, kontraŭ la anoj de la orvalora monsistemo kaj la doganprotektistoj. La teoriistojn de la ora monsistemo oni malliberigu en Hago tiel longe ĝis ili interkonsentos pri unu teorio. (La solvon prezentas la sama aŭtoro, kiu eltrovis novan sistemon de valoraĵoj.) — Kvare: La Paca Diktatoro forigu la ĉefan barilon inter la landoj, la doganojn. — Kvine: Li ĉesigu la dividon de ĉiuj popoloj inter laborantoj kaj rentuloj, per la socia sistemo eltrovita de l' aŭtoro. „Diktatoro, tio ne plu estas afero pri scio, sed nur pri volo. Kun praktikaj malfacilaĵoj vi ne devos vin priokupi, ili estas en multjara laboro jam plene forigitaj. Ordonu nur, kaj ni metos la solvon sur vian tablon."

Se ne traktus pri tiel grava temo, la proponoj estus amuzaj. Interesaj estas ne la miliardoj, kiujn verŝajne ni neniam vidos, sed la fakto, ke ĉi tiu kiel preskaŭ ĉiuj ellaborintoj de pacprojektoj konsideras Esperanton kiel necesan kondiĉon de estonta paca kunvivado de la popoloj. Dank' al la vigla propagando tiu ĉefa ideo de Zamenhof estas nun tiel disvastigata, ke neniu, kiu pritraktas la internacian problemon povas flankelasi nian lingvon. Estas sukceso, pri kiu ni rajtus ĝoji, se ne multaj el tiuj pacemuloj kunigus Esperanton kun projektoj tiel fantaziaj, ke nia serioza movado riskas esti malserioze konsiderata. Ni atentu tiun danĝeron. Se iam leganto de tiu gazeto aŭdos pri la Esperantistaj miliardoj kaj la Paca Diktatoro, li scios la kialon. Bone li agos, komprenigante en siaj rondoj, ke ni laboras por realigebla celo kaj treege ŝatus, ne esti intermiksataj kun la utopiistoj.

*St.*

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — *D-ro Bahmen Ŝidani* kun F-ino *Muĉul Mossaver*, el Teheran (Persujo). Tio estis la unua edziĝfesto inter du Esperantistoj en Teheran.

S-ro *Robert Elworthy*, Esp-isto el Jamaica, kun F-ino *Maria Posenaer*, Esp-istino el Antwerpen.

# Alvokoj

### Arĥitektura Konkurso pri la Aŭstralia Parlamentejo

La Federacia Registaro de Aŭstralio aranĝas arĥitekturan konkurson pri la starigo de parlamentejo en la nova federacia urbo Canberra. Ĝi eldonis *en Esperanto* la plenan programon de la kondiĉoj de la konkurso kaj instrukciojn por la arĥitekturistoj dezirantaj partopreni je la nomita konkurso. La unua premio sumos 2000 funtojn sterlingajn, la dua 1500, la tria 1000, la kvara 500, la kvar lastaj po 250.

Ĉiuj personoj dezirantaj senpage ricevi la programon kaj instrukciojn en Esperanto bonvolu kiel eble plej rapide skribi al la C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, *Genève*.

### Propagando ĉe internigitoj

Malgraŭ la grava propagando, kiun ni jam faris en la internigejo de Harderwijk, laŭ ni ne sufiĉe progresas Esperanto. Kial? Certe tial, ke tiu propagando estis devige farita *pomalgrande*.

Ni do deziregas propagandi *pogrande*, tio estas, se ni tiel povas paroli, ni volas *devigi* la internigitojn atenti pri Esperanto kaj ĝin lerni. Por tion fari, ni bezonas multajn aĵojn, kiujn ni ne povas aĉeti pro la stato de nia buĝeto.

Ni do petegas la samideanojn ĉiulandajn, ke ili bonvolu sendi al ni ĉion, kio povus esti al ni utila, nome: afiŝojn, cirkulerojn, libretojn, broŝurojn, reklamojn, gazetojn, Esperantajn poŝtkartojn, sigelmarkojn, k. t. p.

Oni ne forgesu, ke ĉiuj Esperantistoj formataj dum la milito, precipe en la militkaptitejoj kaj internigejoj, estos post la milito en sia hejma urbo aŭ vilaĝo fervoraj kaj energiaj propagandistoj de nia kara lingvo. Sekve, kiom pli oni klopodas tie ĉi nuntempe, tiom pli oni propagandos dum la proksima paca tempo, kaj tiom pli gravaj estos la rezultatoj de tiu klopodado por la longe celata venko de Esperanto.

Ni tutkore antaŭdankas ĉiujn Esperantistojn pro ilia de ni dezirata helpo, kaj petas ilin, akcepti niajn respektplenajn salutojn.

*Fernando La Gravière*,
4ª Korpuso de Volontaj Soldatoj, Loĝejo 17, Internigejo de *Harderwijk* (Holando).

# *Esperantistoj!*

*La Komitato ree atentigas ĉiujn Esperantistojn pri tio, ke la ekzisto de forta internacia asocio estas plej grava por la tuta movado. Malsame al aliaj celadoj, kiuj ne povis rezisti al la milito, UEA kun sia Centra Oficejo daŭris labori, kuntenis la internaciajn rilatojn kaj per siaj servoj efike propagandis por Esperanto. Tiu agado favore impresis aliajn internaciajn oficejojn kaj personojn, kiuj ĝis nun dubis pri la seriozeco de la Esperantistaj aferoj. Post la milito oni devos klopodi pri la alproksimigo de la diverslandaj samideanoj por komuna agado. Tiu grava tasko sukcesos nur, se ĝin entreprenas, el neŭtrala loko, asocio multnombra, finance bonstata, kiu reprezentas se eble la plimulton de la Esperantistoj. Ni do petas, ke ĉiu aliĝu, eĉ se nuntempe la rektaj profitoj el la membreco ne estas speciale grandaj. La estonto de Esperanto dependas de nia unueco!*

*(Decido 7ª akceptita de la Komitato de UEA dum decembro 1915 kaj konfirmita por tiu ĉi jaro.)*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Budjevac Siniša**, el Serbujo.

**Coole**, el Cheltenham (Anglujo).

**Ĉudinskij**, el Kiew.

**Jarmolović**, membro N-ro 376, el Moskvo.

**Lelarge**, membro N-ro 1963, el Poitiers, unua laŭreato de la konkurso Michelin, juna fervora propagandisto.

**von Luczenbacher**, membro N-ro 1426, el Berlin, fervora samideano, kunlaborinto ĉe „Germana Esperantisto". Li aperigis tre bonan libron, sub la titolo: Du noveloj de Maŭro Jokai (Paris, Presa Esp. Societo, 1911).

**Muffang, Yves**, filo de nia Del. en Angers (Franc.), S-ro P-ro Muffang.

**Nierychlo**, el Lipine (German.).

**Pilon**, L-to Kolonelo, membro N-ro 5812 kaj Del. de UEA en Romans (Franc.).

* * *

Ni kun bedaŭro eksciis la morton de **S-ino E. de Soriano**, bofratino de nia sindonema Del. en Sevilla, S-ro Trinidad Soriano, ĉeestintino de multaj el niaj universalaj kongresoj kaj tre fervora Esperantistino.

El la gazeto „British Esperantist" ni eltiras la malĝojan informon pri la morto de du el niaj sindonemaj Delegitoj, nome **S-ro W. Jolly**, el Oban kaj **S-ro A. S. Mulkern**, el Plymouth.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro Venancio Deulofeu, 5758, Str. Rivadavia, PM, prefere malaltprezaj.

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro Vicente Granell, 947, Str. 24 de Novembre, PI, PM.

CHANGSHU KU (Ĥinujo). — S-ro B. S. Pej, komercisto, 150, Kungchin Street, L, PI.

GISBORNE (Aŭstralio, Victoria). — S-ro Harold Lanyon, knabo, dekjara; Hilda Lanyon, knabino, dekdujara, PI, L (kun samaĝuloj).

LUGANO (Svisujo). — S-ro Alessandro Benicchio, studento, Casella postale 19,636.

MOSKVO (Ruslando). — S-ro V. Jukov, gimnaziano, Gonĉarnij ul. Staro-Kosmadianovskij per. 13/15, L, PI.

MOSKVO (Ruslando). — F-ino Adja Bikova, Arbat Denejnej per. 4, kv. 11, PI.

NEW YORK (Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 243, Bedford Park Boulevard, nur L (kun personoj interesataj je psikologio kaj psikaj aferoj).

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom Larionova, L, PK (pri ŝakludo).

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Carlos Martinez, Estación Plaza de Armas, Via y Obras, PM, PI kolorigitaj (kun ĉiuj landoj, prefere kun Amerikanoj kaj militantaj nacioj).

SKARA (Svedujo). — S-ro A. W. Hamquist, Hemgyö, PI (kun ĉiulandaj samideanoj).

VEDOM (Svedujo). — S-ro John Johansson, Ravelsgården Ö, Bitterna, PI.

WUCHOV (Ĥinujo). — S-ro Kwan, c. of Standard Oil Co. of N. Y. West River, P, L (kun ĉiulandaj terkulturistoj, komercistoj kaj gesamideanoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTO-SALUTOJN sendas al ĉiuj siaj estimataj korespondantoj J. Ŝapiro el Lodz, nun en Bialystok. Ne estas eble al li, skribi al ĉiu aparte.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0. 20 Sm.), 25 por 1. 25 Fr. (0. 50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

SAMIDEANOJ, HELPU! — Mi serĉas ian laboron, kiu permesos al mi, pasigi certan tempon en Svisujo. Mi konas bulgaran, francan, rusan kaj sufiĉe bone germanan. Adreso: Ivan Krestanoff, Haus Weber II, Davos-Dorf (Svisujo).

STUDENTOJ, SCIENCISTOJ, KURACISTOJ, bonvole komuniku kun mi rilate la formadon de asocio por psikologia kaj psika enketado. Armand Coigne, 243, Bedford Park Boulevard, New York City (Usono).


SCIENCAJ VERKOJ

ELDONISTOJ!

Antaŭ ol presigi sciencajn verkojn (disertaciojn, katalogojn, lernolibrojn, vortaron, enciklopediojn, revuojn, k. t. p.) en ia lingvo eŭropa aŭ orienta (araba, turka, persa, malaja, javana, ĥina, japana, k. t. p.), aŭ klasika (latina, greka, hebrea, sanskrita, siria, kopta, armena, k. t. p.), petu provojn kaj prezojn al la fame konata

**Orienta Presejo**, Oude Rijn 33, **Leiden** (Nederlando).

FIRMO C. G. v. d. HEYDEN

**Vapor-ledotanejo :: kaj Ŝufabriko ::**

Fondita en 1850

(Nederlando) **Waalwijk** (Nederlando)

Fabrikas ĉiuspecajn vir-, virin- kaj infanŝuojn

Tute speciala adreso por militŝuoj

**Karaktero**

Ĵus aperis la 5a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero"** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moral-filozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite 0,30 guldenoj (3 int. respondkuponoj) ĉe la eldoninto *J. L. Bruijn*, Paul Krugerlaan 37, *Hago* (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.


PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO